# Inter celoj kaj kapabloj

*Ĉu ni riskas malaperi?* – pesimismis komence de la jaro 2003 (IPR 03/1, p. 1-2.) la tiama prezidanto de ILEI. Komence de ĉi tiu jaro (IPR 04/1, p 1-2.) la vicprezidanto "plumiris" kaj pentis pri sia "misprognozo" el la jaro 2001, ke *ni havos koheran teamon [kiu] ... dediĉu sin al la laboro*. Proksimiĝante al la jarfino 2004 ni povas bilanci malmisiĝon de la prognozo pri sindediĉa teama laboro de la estraro (eĉ se tio validas nur por 5 el la 7 elektitaj estraranoj) kaj malaperon de la "risko malaperi".



Male al la supre cititaj, jam la ĉefartikoloj de IPR 04/2 kaj 04/3, venintaj el klavaroj de la sekretario kaj kasisto respektive, argumentas kaj per si mem ilustras viglan evoluon kaj bonajn rezultojn de nova agadstilo de la plijuniĝinta estraro. La serio de estraranaj ĉefartikoloj sur la enkondukaj paĝoj de IPR daŭriĝos. Tiel la estraranoj povos prezenti ĉiu sian agad-kampon, klarigi siajn celojn kaj rezultojn, kaj instigi la legantojn al reagoj kaj reciprokaj inspiroj por plua laboro. Kaj ne nur la estraranoj ĉefartikolu. Ĉiu aganto de ILEI kiu deziras enkonduki interesan temon aŭ prezenti modelan agadon povas proponi sian ĉefartikolon por IPR – la redaktoro kaj la estraro bonvenigos ĝin kun ĝojo.

IPR estas organo de ILEI kaj spegulo de ĝia agado. Sur la paĝoj de ĉi tiu revuo lokon por si serĉas plej diversaj kaj diversnivelaj kontribuoj, ekde informoj pri lokaj kursoj kaj renkontiĝoj, tra resumaj raportoj aŭ personaj rakontoj pri E-instruistaj agadoj, ĝis sciencaj traktaĵoj pri lingvodidaktikaj kaj ĝenerale pedagogiaj demandoj. Plia malfermiĝo al reagoj de legantoj povus fari ĝin eĉ pli interesa kaj utila. Estas granda tasko por la redaktoro kaj ties kunlaborantoj doni la ĝustan spacon al ĉiuj ĉi bezonoj kaj kontentigi la plej diversajn gustojn kaj interesojn de la legantoj. Funkcioj kaj plua evoluo de la revuoj de ILEI – IPR kaj Juna Amiko – estas unu el strategiaj demandoj pri kiuj ni komencis diskuton dum la Konferenco 2004

en Bratislava, diskuton kiun la Komitato planas konkludi dum la Konferenco 2005.

La pristrategia diskuto en Bratislava estis provo precizigi la celojn kaj difini la necesajn laborfortojn, rimedojn kaj ĉefajn agaddirektojn. Kiuj estas la prioritatoj de ILEI plenumindaj kaj efektive plenumeblaj en la sekvaj 3-5 jaroj? Kiaj estas la kapabloj bezonataj kaj havataj de ILEI, ĝiaj instancoj kaj sekcioj por atingi la celojn? Per kiaj agadoj kaj kiuj rimedoj? Kiujn servojn plej bezonas la membroj? Kiajn revuon kaj konferencon ni bezonas – kiom da scienceco, kiom da populareco? Ĉu kaj kiujn servojn ni povas proponi al neesperantistaj interesatoj?

Estas necese daŭrigi la diskuton sur la paĝoj de IPR kaj en la retlistoj de ILEI por konkludi ĝin dum la Konferenco 2005. Ju pli la tempo pasas des pli montriĝas, ke la plej serioza estas la problemo de laborfortoj. En la estraro ĝi pliakriĝis per demisio de unu estrarano por kiu la Elekta Komisiono nun serĉas anstataŭanton. Alia estrarano sugestis eblon de sia demisio kaj liaj agadkampoj daŭre stagnas, kiujn li transprenis laŭ la taskodivido inter la estraranoj. Dume la laborplano publikigita en IPR 03/4 sub la titolo "Ni bezonas unu la alian" bezonas kompletan estraron kaj teamojn da kunlaborantoj. Ĝi ne estis surpapera reklamo, sed mobiliza alvoko por konkreta agado. Ĝi starigis ambiciajn celojn, el kiuj pluraj jam bone realiĝas.

Por gardi la estiĝintan evoluritmon kaj agadetoson urĝas kompletigi la estraron, refortigi ankoraŭ plurajn landajn sekciojn, kaj trovi novajn eksterestrarajn komisiitojn kaj kunlaborantojn, precipe por la fakoj de informado, instrukapabligado, eldonado (krom Juna Amiko) kaj lerneja, scienca kaj universitata agadoj. Interesatoj bonvolu anonci sin. Certe ne temas pri estrara kaj organiza krizo kian ILEI havis ĝis antaŭ malpli ol du jaroj – ni estas for de ĝi – sed ĉi tiu akuta solvendaĵo signalas, ke necesas daŭre flegi niajn agadkapablojn por ne perdi la spiron. ILEI havas fortojn por tio. Tion konfirmas la informoj de niaj agantoj el ĉiuj partoj de la mondo, kiuj aperas en ĉi tiu kaj aliaj numeroj de IPR.

Ĝojon kaj sanon en la jaro 2005 kaj ekvilibron inter celoj kaj laborfortoj!

*Radojica Petroviĉ, prezidanto de ILEI*

# Interkulturo: nova esplortemo

***Kio estas tipa por mia kulturo?*** **–** jen la demando kiu estos temo de esplorinterŝanĝo kaj foruma diskuto ĉe *www.interkulturo.net* en novembro kaj decembro 2004. La partoprenantoj traktos ĝin tra pli detalaj subtemoj, ekzemple: Kion mi vidas tipa de mia kulturo? Kiel la aliaj vidas ĝin? Kion mi vidas tipa de aliaj kulturoj? Kion alikulturanoj malfacile komprenas en mia kulturo kaj inverse?

La teamo de Interkulturo (Heming Welde Thorbjørnsen el Norvega Junularo Esperantista, Katja Ignatijeva el TEJO, Anna-Laura Wickström el Germana E-Junularo, Ljuan Marko Gashi el Centro por Multkulturismo de Universitato de Novi Sad – Serbio, Haris Subašić el E-Junularo de Bosnio kaj Hercegovino, Francesco Maurelli el Skolta Grupo Marino 1 – Italio, kaj Radojica Petrović el ILEI) kunsidis en Oslo, 2004-10-22/25, por konkretigi evoluplanon de kontakt-reto de Interkulturo en la periodo novembro 2004 – decembro 2005, kiun subvencias Youth (EU) aldone al la subvencio kiun la projekto Interkulturo jam ricevis de ESF. Por tiu periodo estas antaŭvidita pritrakto de minimume 5 interkulturaj temoj. Aliĝu kaj kuraĝigu viajn lernantojn partopreni en la diskutoj.

**Interkultura sperto:**
***Freŝa aero***

Mi laboris kiel vartistino antaŭe. Mi ĉiam pensis ke, por infanoj, estas bone ludi ekstere. Laŭ mi infanoj devus ludi ekstere plej multe kiel eblas, ĉar estas bone por la sano kaj ili preskaŭ ĉiam ege ŝatas. Sed antaŭ iom da tempo mi havis konflikton kun iu familio kiu transloĝiĝis al Nederlando de eksterlande. Ili pensis ke se la filino ludus ekstere, ŝi malsaniĝus. Ili ankaŭ ĉiam vestis la filinon per elegantaj vestaĵoj, kiam la aliaj infanoj vestis sin per tute praktikaj vestaĵoj, por ke ili povu facile ludi kaj ne tiom zorgi se la vestaĵoj malpuriĝus. Do ni havis tute malsamajn perspektivojn pri la sama afero.

*Rakontis unu el partoprenantoj de la seminario pri Interkulturo, Sarajevo, 21-28 marto 2004*

Ĉe *http://www.interkulturo.net/kovrilpagxo_rezultoj* vi trovos diversajn kontribuojn pri la antaŭaj esplortemoj: Interkulturaj spertoj, Popularaj

libroj, Nia urbo, Fabeloj kaj legendoj pri ekesto de la universo. Tie troveblas ankaŭ kvizoj por testeti interkulturajn sciojn.



***Popularaj libroj: Rusa fabelo* Princino-rano**

La rusa literaturo, inkluzive la infanan, estas eksterordinare vasta kaj riĉa. Estas tre multe da famaj infanaj verkistoj kaj ne malpli da popularaj infanaj libroj. Ni decidis elekti la rusan popolan fabelon **"Princino–rano"**, kiun scias kaj amas ĉiuj rusoj. […] Laŭ nia opinio, ĝi plej ĝuste respegulas rusan mondkoncepton kaj "enigman rusan animon". En ĝi, kiel preskaŭ en ĉiuj rusaj fabeloj, *la bono venkas la malbonon*. La ĉefa heroo, reĝido Ivan, estas **tipa rusa homo**. Li estas kuraĝa, bona kaj grandanima (li kompatas kaj savas de morto bestojn, kiuj poste por danki lin helpas al li venki Kasĉej). Li amas sian edzinon kaj estas fidela. Samtempe li ne ĉiam pensas pri rezultoj de propraj agoj (ekzemple: la bruligo de rana haŭto). […] Vasilisa Belega estas vera **rusa virino** – amanta, profunde fidela al sia edzo, tenera kaj modesta. […]

*Ni pensas, ke tiu ĉi fabelo povas esti interesa ne nur per ĝiaj altaj idealoj, sed per tio, ke ĝi helpas pli bone ekscii rusajn homojn, iliajn karakterojn kaj vivsentojn... Oni diras, ke fabelo, kiel kanto, estas animo de popolo.*

*El kontribuo de "Betuleto" – bazlerneja grupo el Ĉeboksari, Rusio*

## … kaj novaj ŝancoj por subvencioj

Ĉe la adreso *http://www.eurodesk.org:8080/edesk/Deadline.do?progId= EU0010000031&show* legeblas alvoko por proponi edukprojektojn en la

programoj Comenius 1 (lernejaj partnerprojektoj) kaj Comenius 2 (trejnado de edukantoj). La limdato estas 2005-03-01. Interkulturo kaj Euroscola povas bone trovi sian lokon tie. Interesatoj bonvolu skribi paperpoŝte al la prezidanto de ILEI (adreso sur la dua kovrilpaĝo de IPR) aŭ retpoŝte al *info@interkulturo.net*. Espereble ankaŭ la komisiito de EEU pri instruado kaj rilatoj kun ILEI interesiĝos kaj aktiviĝos pri ĉi tio.

*Radojica Petroviĉ*
*radp@ptt.yu*

# Interkulturo per Vikipedio

Esperanto estas la sola kultura lingvo, kiu ne posedas ĝeneralan enciklopedion, kaj ĝia speciala *Enciklopedio de Esperanto (1934)* dum sepdek jaroj ne estis aktualigita. Tio estas grava handikapo, ĉar la mondlingvoj ne estas nur komunikiloj, sed ankaŭ fontoj de informoj. Eksterlandanon oni renkontas kutime nur hazarde, sed kleriĝi studante diversajn fakojn oni povas ĉiutage. Eĉ la interreto servas duone kiel mesaĝilo, duone kiel tutplaneda enciklopedio, en kiu la homoj ĉiutage serĉas milionojn da informoj per serĉiloj *Google, Altavista, Vivisimo* k.a. La respondojn ili ricevas precipe per la angla, sed ankaŭ en aliaj lingvoj. Estas grave, ke Esperanto inter ili ne manku. Lingvo, kiu ne kapablas doni informojn, ne povas fariĝi vere internacia.

Kiam en 2001 usonaj junuloj startigis retan enciklopedion Wikipedia en la angla kun perspektivo je 120 aliaj lingvoj, kelkaj junaj esperantistoj prizorgis ankaŭ la Esperanto-version, kiu nun enhavas ĉirkaŭ 15 mil artikolojn (la angla versio 350 mil)[1]. Ekzistas versioj ankaŭ en latino, Volapuko, Ido kaj Interlingua.

Vikipedio (= Wikipedia en Esperanto) aktualigas kaj kompletigas la jam menciitan klasikan Enciklopedion de Esperanto kaj prezentas ankaŭ kulturojn de ĉiuj landoj de la mondo, ĉar prezentiĝoj de unuopaj ŝtatoj aperis jam en la komenco de la projekto. La unuopaj kontribuantoj povas prezenti siajn naciajn artistojn, sciencistojn, politikistojn kaj sportistojn, bildigi nacian historion, priskribi urbojn kaj iliajn vidindaĵojn, pritrakti siajn hobiojn kaj profesiojn, sekve ankaŭ iliajn terminarojn. Kompreneble, oni ne rajtas forgesi, ke Vikipedio estas enciklopedio, ne terminara vortaro,

---

[1] *http://eo.wikipedia.org*

do ĉiu artikolo devas havi enciklopedian karakteron, ne karakteron de terminara difino. Tio tamen ne malhelpas priskribi en enciklopedio, ekzemple, velŝipon kun ĉiuj veloj, mastoj, jardoj kaj ŝnuroj aŭ sistemon de ŝraŭboj kaj ŝraŭbingoj aŭ medicinon aŭ alian sciencon.
En Vikipedio trovas do lokon ankaŭ temoj pedagogiaj kaj interkulturaj. Jam mem la fakto, ke ĝi povas doni al esperantistoj - precipe la junaj - motivon aktivi en la movado, se ili kunlaboras pri grandega kaj ĉiutage kreskanta projekto, havas grandan pedagogian kaj interkulturan signifon. Novuloj ofte ne scias, kiel sin envicigi en la movadon, kaj post kelkaj embarasaj monatoj silente forlasas ĝin. Vikipedio fariĝis konkreta celo por 140 esperantistoj, sed da kunlaborantoj povus esti miloj. Ili pli profunde konatiĝas kun sia propra kulturo, klopodante ĝin prezenti al la tutmonda esperantistaro, kaj ekkonas kulturojn aliajn, kiujn prezentis ceteraj vikipediistoj. Prezentante la lernejsistemon oni prilaboras ankaŭ koncernajn pedagogiajn terminojn.
Vikipedio estas strukturita hierarkie. Sur la ĉefa paĝo oni trovas ekzemple la temon *Pedagogio*, post alklako aperas difino de la pedagogio kaj koncernaj temoj, ekzemple tipoj de lernejoj, personoj edukantaj kaj edukataj, grandaj pedagogoj k.s. Se oni alklakas ekzemple la vorton *Universitato*, malfermiĝas artikolo priskribanta la universitatan vivon. Se vi volas kompletigi iun artikolon, sufiĉas alklaki supre la vorton *Redaktu*, malfermiĝos speciala fenestro kun la teksto en baza formo, kien vi povas enmeti vian aldonon (ne estas ĝentile viŝi tekston de alia persono, do nur kompletigu ĝin). Poste vi alklakos sub la fenestro la vortojn *Konservu ŝanĝojn*, la fenestro fermiĝos kaj la teksto reaperos kun via aldono. Samtempe en speciala paĝo *Lastaj ŝanĝoj* aperos informo pri via redakto, por ke la ceteraj vikipediistoj povu kontroli, ke vi ne enmetis stultaĵon. Tiamaniere estas gardata la kvalito de la artikoloj kaj samtempe oni instruas novajn vikipediistojn, kiel ĝuste prilabori la artikolojn.
Ĉiu vorto aŭ vortgrupo enskribita en la fenestro inter duoblaj angulaj krampoj, ekzemple [[Parizo]], post fermo de la fenestro ricevas dikan koloran skribon (**Parizo**). Blua koloro signifas, ke la koncerna artikolo jam en Vikipedio ekzistas kaj per alklako vi povas eniri en ĝin, ruĝa koloro indikas, ke la artikolo ankoraŭ ne ekzistas. Alklakante la ruĝan vorton vi eniras en malplenan fenestron, en kiu vi povas skribi la koncernan artikolon. Ĉiuj artikoloj en Vikipedio povas enhavi ligojn al aliaj artikoloj kun parencaj temoj kaj eĉ ligojn al la samaj temoj en alilingvaj Vikipedioj. En tiuj inverse ekzistas ligoj al artikoloj esperantistaj, tial ĉiuj kontribuantoj

de alilingvaj Vikipedioj estas informitaj pri ekzisto de Esperanto. La artikoloj povas enhavi ligojn ankaŭ al samtemaj paĝoj ekster Vikipedio, kion oni ĉe paperaj enciklopedioj ne povas praktiki.
Alia grava avantaĝo estas rapida aktualeco (viki = *rapide* en la havaja). Oni tuj povas skribi pri morto de grava persono aŭ male prezenti junajn sportistojn kaj artistojn, kiujn la paperaj enciklopedioj ankoraŭ ne registris. Oni povas revivigi memoron pri multaj forgesitaj eminentuloj aŭ pri personoj, kiujn ŝatas nur ilia propra nacio, sed alilingvaj enciklopedioj ilin ne konas. Tio koncernas ankaŭ nian Esperantan kulturon, kiun vi povas prezenti en vialingva versio de Wikipedia - prezenti niajn verkistojn kaj iliajn verkojn, niajn kongresojn, instituciojn kaj asociojn. La ebloj estas limigitaj nur de nia (mal)laboremo.
Fine tre grava atentigo: la artikoloj ne rajtas esti transprenitaj de aliaj enciklopedioj sen permeso de la aŭtoro, oni devas respekti la aŭtorajn rajtojn. Eĉ se vi ĉerpos el viaj nacilingvaj enciklopedioj la bazajn faktojn, ĉiam zorgu, ke la fina rezulto estu via verko, ne nur traduko. Male ĉiuj artikoloj vikipediaj estas je libera dispono, do vi povas esperantigi artikolojn el vialingva Wikipedia. *Miroslav Malovec*




*La IX-a EKOR (Esperanta Kunfratiĝo de Okcidenta Regiono - Brazilo, aprilo 2004). La temo estis "Instruaj teknikoj por junuloj kaj infanoj – Muziko kaj ludoj kiel rimedoj por instruado de E-o. Ĉeestis 46 kolegoj.*

**Katarina Steele**

# Kvar monatoj de Esperanto en Hindio (Barato)

*NdlR: Antaŭ nelonge okazis en la sudhindia urbo Bangaloro vasta instruado de E-o por junaj geskoltoj. Trevor kaj Katarina Steele, la instruintoj de la junuloj, forlasis Hindion komence de aŭgusto 2004 kaj nun raportas pri sia neordinara 4-monata restado ĉe la 14-a norda latitudo.*

*Venkatesh Reddy*, nia invitinto, estas esperantisto de 1976. Li havis nur malmulte da ebloj paroli E-on kaj samtempe sufiĉe da zorgoj por studi, perlabori monon, kaj vivteni sian familion. Li invitis nin al Hindio kun granda decido, ke nun, 44-jara, li finfine devas sin laŭeble plene dediĉi al la disvastigo de E.

Ni gvidis 10-tagajn kursojn en

1. Skoltina Centro en Bangaloro (23 plenkreskuloj + 7 infanoj)
2. Stella Maris Convent School (30 gejunuloj)
3. lernejo Adarsha (nur 3 lernantoj, plenkreskuloj)
4. Florence Public School (97 geknaboj)
5. Cluny Convent School (76 knabinoj)
6. Nirmala Rani Convent School (96 knabinoj)
7. Goodwill Christian School (90 knabinoj)

La bazan kurson ĉeestis do entute 422.

Trevor dufoje faris prezentan E-lecionon por proksimume po 200 geskoltoj kaj deko da iliaj gvidantoj en skolta tendumejo Annie Besant Park. Sen esperantumi ni vizitis similan tendumejon Sankara Nilaya en Salem (Tamil Nadu), kie oni promesis ebligi E-kurson en estonto.

Al 20 da elitaj sciencistoj prezentis Trevor E-on en NIAS (National Institute of Advanced Studies, filio de Indian Institute of Science). Temis pri 1-hora prelego kaj same longa diskuto.

Laŭ la perado de alia bangalora esperantisto *Prasdan Snaresh* efektiviĝis 6-taga (po 90 minutoj) E-instruado al deko da softvaraj oficistoj de la firmao SYSARRIS, kadre de laborhoroj.

Mallonga artikolo pri E kaj nia agado aperis en *Indian Express.* Kaj iom pli ampleksa en la tagĵurnalo *Deccan Herald*. Instigite de la artikolo kontaktis nin loka muzik-grupo “Esperanto”, kiu uzas la nomon Esperanto

por esprimi sian emon al tutmonda muziko, sed la membroj ne parolas la lingvon. Rezulte de nia konatiĝo la filo de la muzikestro faris E-kurson, kaj la gepatroj kontaktis EUROKKA. La grupestro volas lerni nian lingvon pere de poemoj konvertotaj en kantojn. Trevor havis eblon mallonge prezenti E-on dum unu el la koncertoj de la grupo.

En la urbo Chennai (Madras) prezentis Trevor E-on al 7 junaj membroj de la Brothers of Holy Cross, en la urbo Salem al 22 adeptoj de la kongregacio.

90 knaboj 12-14-jaraj ricevis 3 horojn da E-o en la lernejo Holy Cross en Salem. 85 knabinoj de la lernejo Sankta Jozefo en la aĝo 11-14 jaroj partoprenis 9-tagan kurson.

Ĉiu kursfininto ricevis belan koloran diplomon, kies disdonado iĝis kutime festo kun multege da fotado. En 6 lernejoj de Bangaloro estis elektita po 1 reprezentanto de la novaj esperantistoj, kiu iĝis TEJO-membro pere de la fondaĵo Canuto. Ĉi tiuj junuloj pretas kunteni kaj informadi la E-grupon de sia lernejo. Venkatesh siaflanke vizitados la grupojn, organizos por ili renkontiĝojn kaj programojn. Tuj post la fino de la unuopaj kursoj li donacis al biblioteko de ĉiu lernejo de niaj kursfinintoj kelkajn E-eldonaĵojn. La elektitaj gejunuloj estis aparte kunvokitaj, interkonatigitaj, informitaj pri la movadaj aferoj kaj instigitaj al aktivaĵoj.

***

Trevor estas aŭstraliano, mi slovakino. Ambaŭ laŭ niaj originaj profesioj instruistoj. Li sperta E-instruisto, mi diplomita (Cseh) kun ĝis nun ne multa praktikado. E-instruisto devas esti adaptiĝema – mi aŭdis jam multfoje. Por esti tiaj ni havis en Hindio multe da ebloj. Unue adaptiĝi al la klimato. 38 gradoj celsiusaj komence, poste nur iom pli ol 30 kaj daŭra alta humideco. La lernejoj ofte estis ĉe bruaj stratoj, sed fermi la fenestrojn pro la varmo ne estis konsilinde. Ni instruis ankaŭ en grandaj teatraj haloj de lernejoj. La infanoj (60-80) sidis surplanke – kio ne estas en Hindio nekutima. Ĉar niaj lecionoj okazis dum la lernejaj instruhoroj kompreneble okazadis malfruiĝoj de la infanoj, forestoj pro iu ekzameno, neatenditaj foriroj el la leciono por atingi la forveturantan lernejan buson. Komence de nia aktivado estis malfacile varbi lernantojn, ĉar estis 2-monata lerneja feriperiodo. En julio okazis grandaj tutlernejaj ekzamenoj – tio kaŭzis problemojn en nia horaro. Unu leciono ne okazis pro landa funebra tago,

alia devis finiĝi tro frue, ĉar la lernejojn minacis eksplodo. Kelkfoje estis nia ejo okupita kaj ni devis rapide serĉi anstataŭan…
Ĝenerale tamen restas en nia memoro la por ni nekutima lernemo kaj afableco de la infanoj. Ili estis multe pli disciplinitaj ol ni spertis ekz. en Eŭropo. Ĝuste tial ni povis instrui samtempe 40-100 junulojn.
Novaĵo por aŭstraliano kaj slovakino estis vidi la kapablojn kaj lernemon de la infanoj kaj alfronti mankon de lego- kaj lernolibroj por ili. En kelkaj landoj oni ne scias, kie stoki la troajn librojn, en Hindio preskaŭ tute mankas lern- kaj legmaterialo – vere domaĝe, ĉar tiuj entuziasmaj gejunuloj ĉiam volis scii, kie ili trovos librojn en nia lingvo.

Ni estis ĉie bone akceptitaj kaj de la lernejaj estroj kaj de niaj lernantoj. La dankleteroj de infanoj, iliaj donacetoj, la lernejaj ceremonioj, centoj da fotoj kun ni faritaj – ĉio ĉi estis korvarmiga pruvo pri tio, ke ni ne laboris vane.

Sed! Nur parton de la farita laboro realigis ni. *Venkatesh Reddy* traktis kun multaj direktoroj de lernejoj, vizitante ilin kaj telefonante al ili multfoje, li zorgis pri la presado de longe gardendaj diplomoj, li aranĝis la vizitojn al tendumejoj kaj permeson esperantumi tie, li vojaĝigis nin al foraj partoj de la urbo, kie ni instruu, ĉeestis grandan parton de la instruhoroj, kontrolante la kondiĉojn kaj klopodante solvi la ekestantajn malglataĵojn, li prizorgis nian loĝadon kaj grandparte ankaŭ pagis ĝin, certigis la tranoktadojn en Chennai kaj Salem, kuniris kun ni al kuracisto, kiam ni malsanis, eĉ mem instruis al triopo da lernantoj, kiam ni ambaŭ febris. Li helpis nin kontakti aliajn esperantistojn kaj longe postĉasis ĵurnalistojn por intervjuigi nin. Kune ni vizitis lian grundon, kiun li volonte donacus al UEA, sed eble pli bona solvo estus, ke li uzu ĝin por konstrui sur ĝi E-centron. Venkatesh vojaĝadis el sia fora hejmo al nia loĝloko ankaŭ dum tagoj, kiam ni ne instruis por konvinkiĝi, ĉu ni ne bezonas ion. Li akompanis kaj ĉiĉeronis por ni ankaŭ dum niaj turismaj tagoj. Li estis malantaŭ ĉiu nia movo, ĉiu nia sukceso kaj silente faris la pli malfacilan, postkulisan parton de la laboro.

La E-movado bezonus multajn Venkateŝojn.
Amiko Venki, sinceran dankon!

*Kontakteblo de Venkatesh Reddy: Espero, No 216, Off Main Road, Whitefield, Bangalore, Hindio*

**Liu Xiaojun**

# Sistemo de edukado kaj lingvoinstruado en Ĉinio

*prelego en la Tago de lernejo dum la 89-a UK en Pekino (parto II.)*

**Instruado de fremdaj lingvoj en Ĉinio**

En Ĉinio instruado de fremdaj lingvoj estas tre interesa afero. Mi volas rakonti la situacion de instruado de fremdaj lingvoj kiun mi persone spertis. Dum la 50-a jardeko de la pasinta jarcento Ĉinio kaj Soveta Unio estis tre amikaj. Soveta Unio estis nia frato, do tiam oni tre ĝojis lerni rusan lingvon. Preskaŭ ĉiuj lernis la rusan lingvon kaj fieris pri tio. Tamen en la jaro 1957, aperis la diferencoj de ideologio inter la du partioj kaj de la du landoj, oni ne plu volis lerni la rusan kaj oni komencis lerni anglan lingvon. Instruistoj, kiuj instruis rusan lingvon ŝanĝis sian fakon kaj eklernis anglan lingvon kaj ekinstruis anglan lingvon. Sed tia situacio ne daŭris longtempe. En la jaro 1966 komenciĝis la tielnomata 'granda kultura revolucio'. Dum tiu periodo oni kontraŭbatalis imperiismon kaj reviziismon, do oni ne lernis rusan lingvon nek anglan lingvon. Instruistoj de fremdaj lingvoj ŝanĝis sian fakon kaj instruis ĉinan lingvon kaj aliajn ĉinajn lecionojn. En malmultaj lernejoj, oni volis instrui fremdajn lingvojn, sed gelernantoj ne volis lerni. Estis iu tipa kaj mirinda afero, en iu lernejo, dum ekzameno de angla lingvo, iu knabino skribis sur ekzamena papero tiun tipan frazon: „mi estas ĉino, kial mi lernas fremdan lingvon, mi ne scias fremdan lingvon, mi ankaŭ povas fariĝi heredanto de la revolucio". Jen tio estis la realo de tiu malĝojinda periodo.



*Liu Xiaojun kun Jennifer Bishop dum UK 2004*

Sekve de la malfermo kaj reformo de Ĉinio, la rilatoj inter Ĉinio kaj eksterlandoj pliboniĝis iom post iom, fremdaj lingvoj fariĝis iom post iom utila kaj grava afero. Do oni eklernis fremdajn lingvojn. Alie la Ŝtato apogis la lernadon de fremdaj lingvoj, precipe tiun de la angla lingvo. Por trovi laboron oni devas trapasi ekzamenon de la angla lingvo. Kompreneble en iuj lokoj ankaŭ aliaj lingvoj estas instruataj kaj lernataj. Ekzemple en Shandong provinco, kiu proksimas al Japanio kaj Koreio, multaj homoj lernas japanan lingvon kaj korean lingvon (iuj homoj ŝerce diras, ke ĉinoj kiuj lernas japanan lingvon estas plimultaj ol japanoj!), ĉar japanaj kaj koreaj komercistoj starigis multajn fabrikojn kaj entreprenojn aŭ faras komercon en tiu provinco. Tial oni povas diri, ke tie la lingva instruado ŝanĝiĝas laŭ la situacio politika kaj ekonomia. Dum la lastaj jaroj, iri lerni en Usono fariĝis iom post iom malfacile, kontraŭe iri lerni en Francio aŭ en aliaj eŭropaj landoj fariĝas pli kaj pli facile, do gejunuloj kiuj lernas francan lingvon fariĝas pli kaj pli multaj. Alia kaŭzo estas, ke la rilato inter Ĉinio kaj Francio fariĝas pli kaj pli amika. Tial oni povas diri, ke la lingva instruado ŝanĝiĝas laŭ la situacio politika kaj ekonomia de la lando kaj laŭ la bezono de la lando. Mi pensas, ke tia situacio estas simila en multaj landoj, precipe en aziaj landoj kaj en multaj evoluantaj landoj .

Do, kiam oni lernas E-on kiel oni nun lernas anglan lingvon aŭ francan lingvon ?
Mi pripensadas ofte tiun demandon. Mi pensas, ke la progreso de la instruado kaj lernado de E-o dependas de la utileco de E-o. Kiam E-o estas uzata en la ordinara vivo de la popolanoj, kiam oni komercas internacie per E-o, kiam la solvo de la rilato inter landoj estas solvita per E-o, tiam oni estas devigata lerni E-on, la instruado kaj la lernado de E-o prosperos. Tiam E-movado prosperos kaj sukcesos.

Multaj eŭropaj esperantistoj opinias, ke espero de E-o ekzistas en Azio, mi opinias, ke espero de E-o estas en Eŭropo! Se Eŭropa Unio akceptas E-on, se Eŭropa Unio prenas E-on kiel laboran lingvon, tiam la propagando de E-o fariĝos neutila, oni nature lernos E-on. La registaroj de Aziaj landoj devigos siajn popolanojn lerni E-on. Poste, se la Unuiĝintaj Nacioj uzas E-on, tiam ... tiam ... estos la epoko de E-o!

# Ronald J. Glossop
# Edukado al paco

*Prelego por la 89-a UK, 27.07.2004*



Kiam oni pensas pri edukado al paco, la unua ideo, kiu venas en la mensojn de multaj homoj, estas kuraĝigi en infanoj kaj junuloj specifajn individuajn sintenojn, ekzemple toleremon kaj malinklinon uzi perforton. Se individuoj estus pli pacemaj, ni havus malpli da milito. Alia populara ideo estas, ke oni devus instrui al la lernantoj la metion por povi solvi konfliktojn inter homoj pace per diskutado kaj kompromisoj. La lernantoj gajnos novan lertecon, nome, kiel trakti disputojn sen konduto, kiu instigos koleron kaj venĝemon. Ili eĉ povos helpi montri al aliuloj pli bonan manieron por eviti perfortajn batalojn. Sekve ni spertos pli da paco en niaj ĉiutagaj vivoj. Mi tute subtenas tiajn klopodojn por preventi perfortajn batalojn inter infanoj kaj junuloj. Sendube, estus pli kvieta mondo, pli pacema mondo (en unu senco), se ĉiuj sentus kaj agus tiel.

Sed samtempe, mi opinias, ke ekzistas tute aliaj gravaj aspektoj de edukado al paco. Paco estas la malo de milito, kaj militoj estas tre malsamaj aferoj ol bataloj inter individuoj aŭ malgrandaj grupoj de junuloj. Militoj okazas inter grandegaj grupoj, kiuj havas politikajn celojn. Militoj estas grand-ampleksaj perfortaj bataloj inter grupoj, kiuj celas iĝi registaroj super iu teritorio. Sekve, grava faktoro en militoj estas lojaleco de individuoj al la lando aŭ al la politika grupo.

Do, kia edukado por individuoj necesas por malkuraĝigi subtenon de militoj?
Unue, infanoj kaj junuloj devus lerni ne nur pri sia propra lando, sed ankaŭ pri la resto de la mondo. Ili devus studi mondan historion kaj mondan geografion. Ili devus lerni pri la kulturoj, la moroj, la religioj kaj filozofoj, kaj la lingvoj de aliaj landoj. Ili devus lerni pri la specialaj problemoj de homoj en aliaj mondopartoj. Ili devus lerni pri la tergloblaj problemoj, kiujn alfrontas la tutmonda komunumo. Ili devus studi la problemon de la milito, inkluzive la diversajn vidpunktojn pri ĝiaj kaŭzoj kaj kiel oni eble

povus eĉ aboli ĝin. Ili devus lerni pri la diversaj vidpunktoj kaj pri la politikoj de sia propra landa registaro rilate al internaciaj aferoj. Post tia studado, ili devus esti informitaj pri la multaj facetoj de la monda komunumo. Ili devus ankaŭ konsideri sin mem esti parto de la tuta mondo, ne nur de unu lando.

Due, oni devus evoluigi en infanoj kaj junuloj sintenojn de skeptikismo pri sia propra scio kaj pri la informo, kiun aliuloj (aparte la propraj registaroj) donas al ili. Samtempe oni devus instrui toleremon kaj malfermecon al la vidpunktoj de aliuloj. La lernantoj devas lerni pensi kritike. Estas malsamaj opinioj pri multaj aferoj, kaj junuloj devus konstati, ke la ideoj, kiujn ili plej ofte aŭdis, eble estas malveraj kaj ke novaj ideoj, pri kiuj ili ne antaŭe aŭdis, povas esti veraj.

Trie, oni devus instrui la lernantojn ĉiam akcepti respondecon por la propra konduto. Ili devus lerni, ke kiam oni faras ion malĝustan, ne estas bona senkulpigo diri: "Ĉiuj aliaj faras tion" aŭ "Alia persono volis, ke mi faru tion." La morala demando ne estas: "Kion aliuloj faris?" aŭ "Kion aliuloj deziras, ke vi faru?" La moralaj demandoj estas: "Kion vi faris?" kaj "Kial vi faris tion?" Pensu antaŭ ol vi agas. Ne estu ŝafo, kiu nur faras ĉion, kion aliuloj faras, aŭ hundo, kiu faras ion ajn, kion la mastro ordonas. Estu morala persono.

Kvare, oni devus instrui la lernantojn, ke la uzo de perforto ne estas bona maniero akiri tion, kion oni volas. Eble dum unu momento, vi havus la potencon perforte devigi ion de alia persono, sed pensu pri via reago se la alia persono havus tian potencon super vi. Oni rajtas peni persvadi alian personon per argumentoj, sed oni neniam rajtas uzi perforton kontraŭ aliuloj krom eble defendi sin mem.

Kvine, oni devus instrui la lernantojn, pensi pri la rajtoj kaj bezonoj de aliuloj kaj ne nur pri la propraj deziroj. Ili devus pensi pri la fakto, ke neniu elektas kiam aŭ kie tiu naskiĝos, kiajn handikapojn aŭ talentojn tiu havos, kiajn gepatrojn tiu havos, kaj tiel plu. Ni ĉiuj estas en situacio, kiun ni ne elektis. Tial, tiuj, kiuj estas bonŝancaj, devus esti pretaj helpi tiujn, kiuj ne estas tiel bonŝancaj. Plue ili devus lerni, ke ne nur individuoj povas esti egoismaj. Ankaŭ familioj, etnaj grupoj, nacioj, kaj landoj povas esti egoismaj kaj sekve ignori la problemojn de tiuj, kiuj ne estas en la grupo.

Sese, oni devus instrui la lernantojn, ke ili apartenas al la familio de ĉiuj homoj. Ili estas ne nur membroj de familio, de etna grupo, kaj de landa grupo sed ankaŭ membroj de la tuta homaro. Ili estas civitanoj kun civitanaj respondecoj, ne nur en la familio, en la etna grupo, kaj en la lando sed ankaŭ en la tutmonda komunumo. Ili devus pensi pri si mem kiel civitanoj de la planedo Tero kaj kun lojaleco al la tuta homaro. La instruistoj en la lernejoj devus uzi tiajn rimedojn, kiujn oni nun kutime uzas por ensemi patriotismon kaj naciismon, anstataŭ uzi ilin por ensemi homaranismon kaj terglobismon. Ekzemple, oni devus uzi en la lernejoj tutmondan flagon de U.N., publikan promeson de lojaleco al la tuttera komunumo, tutmondan himnon, kantojn pri la tutmonda komunumo, festadon de tutmondaj feritagoj, kaj instruadon de tutmonda historio. Kompreneble, oni devus instrui ankaŭ la tutmondan lingvon E-o. Grava faktoro en militoj estas naciismo. Sekve ni ĉiuj devas moviĝi preter tiu veneno de limigita naciista lojaleco al terglobismo. Ni devas konstati, ke eĉ membroj de iu "malamika" grupo estas ankaŭ membroj de nia pli granda grupo de ĉiuj homoj.

Sepe, oni devus instrui la lernantojn memori, ke oni ne povas ŝanĝi tion, kio jam okazis. Tio, kio okazis, okazis. Oni povas gajni scion de la pasinteco, sed oni ne povas ŝanĝi tion. Tro ofte grupoj pensas kontinue pri iu malbona ago, kiun alia "malamika" grupo faris en la pasinteco, sed tio ne helpos plibonigi la nuntempan situacion. La unua paŝo por solvi problemojn estas rigardi la nuntempan situacion, kaj demandi: "Kion ni kune devus fari nun? Kiel ni nun povas helpi unu la alian, por ke la estonteco estu pli bona?"

Oke, oni devus instrui la lernantojn esti optimismaj kaj fokusi la atenton al tio, kion ili povas fari por plibonigi la situacion de la homaro senkonsidere de la situacio je tiu momento. Kelkaj personoj diros, ke estas tro da nesolveblaj problemoj. Kelkaj personoj plendos, ke tro da homoj ne helpas solvi la multajn problemojn. Kelkaj personoj prognozos, ke ĉiam estos militoj kaj mizero. Sed oni devas pensi ne pri tio, kio okazos se mi farus nenion, sed pri tio, kiel mi povas plibonigi la vivojn de ĉiuj homoj. Kion mi devus kaj povas fari, tion mi faru.

Mi opinias, ke se ni sukcese tiel instruus niajn infanojn kaj junulojn, ni havus pli pacan kaj pli justan mondon.



Konversacia Rondo kun edukado.net dum UK en Ĉinio. *Dum la 89ª UK en Ĉinio la jam kutiman lingvoinstruan programon Konversaciaj Rondoj ĉi-jare okazigis la hejmpaĝo-teamo de www.edukado.net. Katalin Kovats, la ĉefredaktorino kaj Sylvain Lelarge gvidis tage po 2 paroligajn lecionojn, kiuj estis tre popularaj dum la kongreso. Je la nivelo por komencantoj la nombro de la ĉeestantoj ĉiam superis 100, dum en la duanivela grupo 40-50 personoj ĝuis la lingvajn ekzercojn.*

***

**Duncan Charters**

## *Euroscola 2004*

### *Ĉu modelo por eduko al transnacia komunikado?*

*La programo Euroscola estas unika ĉar ĝin financas kaj morale subtenas la Eŭropa Parlamento en Strasburgo. Oni havas la rajton okupi oficialan sidlokon en la parlamentejo nur se oni estas elektita eŭropa parlamentano aŭ partoprenanto en Euroscola. Kial tiom gravas al la parlamentanoj tiu projekto kaj kion ili celas? Kian rolon havis kaj povos havi Esperanto, kaj kion ni povos lerni el ĝi?*

Fine de aprilo ĉi-jare mi havis la eblecon laŭinvite partopreni la seminarion "Eŭropa Amikeco" kiun ĉeforganizis Carola Antskog el Finnlando. Kundesegnis la programon Zlatko Tisljar (kies raporto jam aperis diversloke) kaj pluraj instruistoj kaj helpantoj akompanintaj lernejajn grupojn kaj individuojn el diversaj landoj de la malnova (15-ŝtata) kaj nova (25-ŝtata) Eŭropa Unio. Tiu planado inkluzivis dividon de la partoprenantoj en 5 grupoj de 14-18 personoj laŭ la temoj de Euroscola. De dimanĉo ĝis mardo antaŭ la Euroscola tago merkrede (la 28an de aprilo), partoprenis en la seminario 86 E-parolantoj, el Finnlando, Pollando kaj Anglio (oficialaj reprezentantoj en la debatoj de Euroscola), Slovenio, Ĉeĥio, Ukrainio kaj Albanio-Germanio.



*Estis granda travivaĵo sidi en la parlamentejo. La lingvisto Miikka-Markus el Finnlando ne multe bezonis la aŭskultilojn por interpretita teksto.*

Por klasoj, la grupoj dividiĝis laŭ lingvaj niveloj, kiuj variis de lernantoj ĵus sekvintaj rapidkurson, do kun minimuma komunika kapablo, ĝis tre kompetentaj parolantoj (el kiuj du eĉ denaskaj). Laborgrupoj pritraktis la temojn de la ĉi-jara Euroscola, el kiuj la plej spertaj diskutadis pri "La valoroj de Eŭropo en la mondo: paco, sekureco, justeco, homaj rajtoj". La

diversnivelajn klasojn gvidis kompetentaj, interesaj kaj amuzaj instruistoj tiel ke ne rimarkiĝis rezisto al la instruado aŭ problemoj disciplinaj, efektive tute male. La gvidantoj ĝuis la kunestadon kun la gejunuloj kaj respektis ilin. Tiuj ĝenerale ĝuis la varian programon, kiu lasis al ili ankaŭ sufiĉe da libera tempo.

Al ĉiuj oni prezentis en E-o prelegojn pri: Eŭropa Unio kaj ties gvidaj organoj; Kiel krei eŭropan identecon (kun aparta atento al la rolo de lingvoj); Mediprotektado. Vesperaj programoj estis kaj distraj kaj edukaj. Pri Eŭropo oni povis kontroli siajn sciojn per kvizoj. Kun aliaj kulturoj oni povis konatiĝi per muziko kantata en pluraj el la lingvoj de la landoj reprezentitaj. Skeĉoj donis la eblecon enkonduki interkulturajn temojn. Plej bele estis aŭskulti preskaŭ cent voĉojn, plejparte junajn kaj kunkanti en E-o konatajn kaj ĵus lernitajn kantojn el diversaj landoj.

La Eŭropa Parlamento invitas ĝis dudekfoje jare grupojn de mezlernejanoj, plejofte 16-18 jaraĝaj. La parlamentanoj ĉiam kuraĝigas partoprenon de novaj lernejoj, kaj neniu delegito rajtas partopreni pli ol unufoje. Aktive partoprenis ĉi-foje proksimume 450.
Oni povas vidi la detalan enhavon de tipa Euroscola-tago en la retejo: *http//e.euroscola.free.fr*, aŭ en raporto en elŝutebla pdf-formato ĉe: *hhtp://home.t-online.de/home/esperanto/mee001.pdf.*

Tiuj raportoj temas pri Euroscola-en-E-o 2001 kaj 2002. Montriĝis tamen ke la "misiista" agado de la partoprenantoj rilate la akcepton de E-o en tiuj du jaroj kaŭzis protestojn flanke de la organizantoj, ĉar ili vidis en tio nedezirindan propagandadon kiu malutilis al la celoj de la aranĝo. En la 2004-a aranĝo mi rimarkis prudentan evoluon en la pritrakto de la antaŭe spertitaj problemoj. E-on oni uzis, menciis dufoje en la pleno de Euroscola mem dum prezentado de la lernejoj kaj la lingvoj instruataj en ili, sed ne propagandis.

La ideo de Euroscola inkluzivas la celon, ke la partoprenantoj uzu aliajn lingvojn prefere al la denaska, sed oni ne devigas specifan konduton. En la seminario „Eŭropa Amikeco” Esperanto estis natura, ofta sed ne ekskluziva komunikilo ekster la formalaj aranĝoj, do la gvidantoj sekvis la sintenon de Euroscola mem. Mi neniam aŭdis de iu gvidanto riproĉeman "Parolu Esperanton!" Parenteze, mi spertis tion kiel junulo kaj bone memoras la

komentojn de kunuloj kiam ne ĉeestis la gvidantoj, do tio ŝajnis al mi saĝa politiko kaj la plej efika por teni pozitiva la sintenon de la partoprenantoj. Defian krokodiladon mi ne rimarkis. Foje mi kaj aliaj helpis interpreti partojn de prezentaĵoj al grupoj kiuj inkluzivis komencantojn kiuj ne plene komprenis.

Konklude, miaj konversacioj kun la gejunuloj konfirmis la pozitivajn rezultojn kiuj valorigas la preparlaboron de la organizintoj. Moderkoste la junuloj povis konsideri sian eŭropan identecon kaj lerni pri eŭropaj institucioj, kiel celis la parlamentanoj. Ili povis sperti la lingvan diversecon kaj eĉ la diskriminacion de lingvoelekto. La publikajn raportojn en Euroscola prezentis preskaŭ ekskluzive denaskaj parolantoj de la du raportaj laborlingvoj, la angla kaj la franca. Unu grupraportanto indikis specife, ke la diskutojn iom bremsis la lingva diverseco en la grupo. La prezidantoj de la pleno, germano kaj hispano, preferis mem ne konformiĝi kun la regulo kiun ili devigis al la partoprenantoj, kaj parolis preskaŭ ĉiam en siaj propraj lingvoj por doni instrukciojn kaj informojn, kaj por nuancigi siajn respondojn al demandoj, kvankam ili evidente estis kapablaj plurlingve.

Do pri la utilo kaj logiko de E-o ne necesis insisti. La seminarianoj povis mem tion rimarki en kunteksto ĝuinda sed ankaŭ neeviteble instrua. Per la intensa sed plaĉa laboro de la klasoj, la konstanta aŭskultado de la lingvo en la formalaj aranĝoj kaj ĝia senĝena uzo fare de multaj el la grupo, certe plifortiĝis la kapablo kompreni kaj uzi E-on. Plej grave, la mezlernejanoj povis senpreme plilarĝigi siajn horizontojn, edukiĝi pri eŭropaj kaj mondaj problemoj, amikiĝi kun eŭropaj junuloj de plej diversaj lingvoj (nun 20 oficialaj), kaj hejmenporti belajn memorojn kaj pozitivan sintenon pri E-o. Ĉu modelo por pli ambicia programo de interkulturaj kontaktoj inter lernejoj? Jes, rimarkinda kaj atentinda.

La celoj estas eble modestaj, sed la baza strukturo funkcias ĉar oni lernis de eraroj kaj la ambicio ne superas la rimedojn. La Esperanto-ligita Euroscola certe refortigos instruprogramojn en la partoprenantaj lernejoj, ĉar la lernantoj ĝuas la sperton kaj tiel raportos pri ĝi al samlernejanoj kaj familianoj. Kaj en la estonteco, kun la aliĝo al la EU de landoj el kiuj kelkaj jam sukcesis pri lerneja instruado de E-o, oni povos plifortigi la programon kaj prepari la partoprenantojn por gvidaj roloj en Euroscola mem. Povos

okazi natura evoluo kiu subtenus E-programojn en eŭropaj lernejoj, kaj malfermus pordon al internaciaj amikecoj kaj agado kun aliaj E-parolantaj junuloj.

Necesos ĉiam novaj fortoj por teni la sukceson kaj progresi antaŭen (kunlaborantaj instruistoj kaj helpantoj, novaj lernejoj). Tiucele certe bonvenigos vian intereson Carola Antskog, kiu kun siaj kunlaborantoj meritas nian gratulon kaj sinceran dankon: *cantskog@kolumbus.fi*.

## *El la landoj kaj sekcioj…*

## Finnlando

**Rezultoj de la fabelkonkurso 2004**

En Finnlando Päätalo-instituto aranĝis jam la kvinan fojon konkurson por E-lingvaj fabeloj. Ĉi-jare venis dek konkursaĵoj. La finnlingva konkurso ekzistas jam ekde 1992.
La rezultoj estas:

*Kategorio A (malpli ol 9-jaruloj)*
1. Konkursfabelo el Fora Nordo: Monika Goralczyk, Pollando
2. Pri perdita hundeto: Denisa Pavlasova, Ĉeĥa Respubliko
3. Fabelo 2: Monika Goralczyk, Pollando

*Kategorio B (9-10-jaruloj)*
1. De la mallumo al la lumo: Francesco Bentivogli, Italio
2. Leontodo kaj formiko: Dinara Buzanakova, Rusio
3. Sorĉa fungo: Ramil Kosbiev, Rusio

*Kategorio C (11-13-jaruloj)*
1. Makulul: Karina MacGill, Hungario
2. Kiu forrabis epifanian feinon?: Silvio Ravaioli, Italio

La premion "*La Fabelo Internacia*" gajnis Karina MacGill el Hungario.

*Raportis: Sylvia Hämäläinen*

# Italio

**“Eŭropa tago de la lingvoj” en Peskara**

La "Eŭropan tagon de la lingvoj" ni festis en Peskara la 20-an de oktobro 2004 [*vidu la foton sube*]. La tago estis tre interesa kaj ĝoja. Ĉeestis en la ceremonio lerneja direktanto, lerneja inspektorino pri lingvoj, nia lernejestrino, profesoro Renato Corsetti kaj alia doktorino. Ili ĉiuj parolis pri lingvoj ĝenerale kaj Corsetti prelegis pri Esperanto. La partoprenantaj instruistinoj tre atente aŭskultis liajn vortojn. Poste doktoro Romani Bolognesi disdonis la atestojn al la sep geknaboj, kiuj trapasis ekzamenon de Esperanto la pasintan majon. Fine ni kun plezuro aŭskultis folkloran koncerton.
Alia tre pozitiva novaĵo estas la fakto, ke ankaŭ dum tiu ĉi lernojaro ni estas realigantaj la projekton de interkultura edukado pere de Esperanto kaj uzado de modernaj teknikaj komunikiloj (komputilo, interreto kaj retpoŝto) dum ĉiusemajnaj lecionoj en lingva laboratorio de la mezlernejo “B.Croce” en nia urbo Peskara.

*Anna Maria Colacicchi*



## Francio

**1000 aliĝintoj ĉe interreta E-kurso**

La tuta teamo de la retpaĝaro *http://ikurso.esperanto-jeunes.org* fieras anonci al vi la 1000-an aliĝinton al sia retejo rezervita al franclingvanoj kiuj deziras lerni E-on. Ekde la malfermo de la retejo en januaro 2003, la teamo daŭre kaj zorgeme atribuas libervolan korektanton al ĉiuj lernanto, kiu deziras eklerni E-on. La kreskanta sukceso de la retejo igis nin serĉi senĉese novajn libervolajn korektantojn por okupiĝi pri la lernantoj kaj – post projekt-eko kun nur manpleno de korektantoj – nun 87 personoj zorgas pri la lernantoj.
Je la 25-a de oktobro, estas:
– 353 lernantoj, kiuj uzas unu el la tri kursoj haveblaj e la retejo
– 124 lernintoj, kiuj sukcese finis la kurson
– 523, kiuj rezignis.

*La ikurso-teamo,*
*aleks@ikso.net*

## Germanio

**Studsesio pri instruado**

La 21a studsesio de la Esperanto-Centro en Herzberg am Harz (Germanio) okazis de la 8a ĝis la10a de oktobro, ariginte dekkvinon da studemuloj. El la dekdu studhoroj, ok dediĉiĝis al instruado, precipe laŭ situaci-komunikaj metodoj. La ceteraj horoj temis pri la literaturo en la dua periodo, sub gvido de *Petro Zilvar*. Pluraj kursanoj aktive instruas la lingvon – unu havas 70 studentojn – do ili bone povis plenumi la taskon donitan en la antaŭa sesio, pretigi 5-minutajn model-lecionojn, kiujn oni spektis kaj pritaksis.

La gast-gvidanto de ses sesioj estis la vic-prezidanto de ILEI, *Stefan MacGill*. Li komence skizis ecojn de situaci-komunika instruado kaj fine gvidis kursanojn mem realigi tipajn teknikojn de tiu metodo: rol-ludado kaj plenumo de kunlaboriga tasko – ambaŭ kun la temo de la aventuroj de la Esperanta spiono 005, el la lernilo *Tendaraj tagoj*. Sandviĉite inter tiuj eroj estis diskuto pri la elformata didaktika gramatiko por E-o. Konkludite, ke ni jam havas gramatikan skemon aranĝitan en instru-konvena vicordo, ĉar *Andreo Cseh* delonge konstruis tion. Sed plie, ke Esperanto estas tiom fleksebla, ke multaj egale aŭ pli valoraj gramatikaj ŝtuparoj eblas kaj indas. Por krei tiujn, necesas demandi kio unike malfacilas en nia „facila”

Esperanto. Sekve, la grupo esploris la transitivecon de verboj kaj la sekvojn por ĝusta rego de la akuzativo kaj la ŝlosilaj sufiksoj –**ig-** kaj –**iĝ-**.

*Kóródy Zsófia*, daŭrigante la gvidadon el la antaŭaj studsesioj, skizis praktikajn konsilojn kaj atentendaĵojn por aspirantaj kursgvidantoj. *Otto Kern* prezentis viglan Cseh-metodan model-lecionon.

La sekva studsesio okazos de la 10a ĝis la 12a de decembro, 2004 kaj ses sesioj estas planitaj tra 2005.

*Stefan MacGill*

## Hispanio

**Nova registaro, malnova leĝo**

Malvenko de dekstrema Popola Partio en tuthispana lasta balotado post, kaj eble pro, terura terorisma atenco en Madrido la 11-an de marto ŝanĝis multajn politikajn aferojn ĉe ni. Inter ili ankaŭ edukajn.

Unu el la lastaj leĝoj de la antaŭa registaro estis la tiel nomata "Leĝo por Kvalito ĉe Edukado". Ĝia intenco estis plialtigi la ĝeneralan nivelon de baz- kaj mezlernejanoj, kiu post deko da jaroj de alia "Leĝo pri la Eduka Sistemo", siatempe aprobita de socialista registaro, estas tre malalta. Tiu antaŭa leĝo ne ĝuis ĝeneralan favoron ĉe instruistoj, ĉefe mezlernejaj, ne nur ĉar ili ne estis konsultitaj antaŭ ĝia aprobo, sed ankaŭ ĉar ĝi devigis ĉiujn geknabojn senescepte same lerni ĝis esti 16-jaraj, permesis al ili aŭtomate iri de unu kurso en la sekvan eĉ post malbonaj rezultoj ĉe ekzamenoj, kaj malpliigis la tempon por tradiciaj "seriozaj" lernobjektoj fronte al elekteblaj kursetoj pri "banalaĵoj".

La nova leĝo, kiun maldekstremaj partioj kontraŭstaris, kreas malsimilajn itinerojn por lernantoj laŭ iliaj emoj kaj kapabloj, devigas ĉiujn sukcesi ĉe ekzamenoj por daŭrigi en plua kurso, kaj preskaŭ nuligas elekteblecon. Sed ankaŭ ĉi-okaze instruistoj ne estis antaŭe konsultitaj.

Tiu leĝo estas jam aprobita, sed plejparto el ĝi ankoraŭ en proceso de aplikado. Kaj nun, post la venko de Socialista Partio, kiu promesis ĝin nuligi aŭ ĝisfunde ŝanĝi, maldekstrema kataluna registaro anoncis, ke ĝi ne aplikiĝos en Katalunio kaj la antaŭa restos daŭre valida. Tiu deklaro kompreneble kaŭzis furiozajn reagojn de politikistoj kiuj aprobis la leĝon. Multaj diskutoj okazas pri la afero ĉu regiona registaro rajtas ne apliki

aprobitan tutŝtatan leĝon, sed la decido restas ferma ĝis juĝistoj ne decidos alimaniere.
Intertempe la praktika rezulto estas... kaoso: eldonistoj de lernejaj libroj preskaŭ freneziĝas pro tiom da ŝanĝoj, lernantoj ne certas ĉu ili estos promociitaj, gepatroj ricevas kontraŭajn informojn, lernejestroj ne scias kiel organizi la venontan lernojaron....
Kaj instruistoj koleriĝas ĉar ili neniam estas konsultitaj de politikistoj.

*Pedro M. Martín ,*
*Kataluna ILEI-Sekcio*

**ILEI aktiva en jubilea kongreso**

Antaŭ cent jaroj en la urbo Ceret la unua kataluna E-asocio estis fondita de Paul Berthelot. Tial okazis ĵus tie la 32-a Kataluna Kongreso de Esperanto. Tiu tri-taga evento logis centon da partoprenantoj. Ĉefe literaturo kaj instruado figuris en la faka programo kaj ILEI kontribuis al la dua per du engaĝiĝoj de vic-prezidanto, Stefan MacGill.
Unue, li gvidis du-tagan tri-horan atelieron; ĉiuj 15 lokoj estis okupitaj. La programo inkluzivis paran ekzercon ligi gramatikaĵojn kun komunikaj kapabloj, prezenton kaj diskuton de skemo instrui la transitivecon de verboj, realigon de rol-ludo pri la aventuroj de E-spiono 005, rigardon al paroliga, kunlaboriga tasko kaj diskuton kiel reteni lernantojn en libervolaj kursoj.
Due, li prelegis dum 70 minutoj kun 20 minutoj da diskuto pri la temo "Ĉu Esperanto havas didaktikan gramatikon?". La demando estis respondita jese, sed kun aldono ke evoluo de pliaj kaj pli bonaj gramatikaj ŝtuparoj eblas kaj indas. Krome, la ecoj de situaci-komunika instruado venis sub la lupeon. Resumo de tiu prelego, kaj du apogaj materialoj por la ateliero estas elŝuteblaj en PDF-formato el la kongresa hejmpaĝo:
*http://www.esperanto-ct.org/c/novetats/32KKE_Ceret.htm*
La literaturan parton prizorgis ĉefe Aleksander Korĵenkov, de la eldonejo Sezonoj kaj revuo *Ondo de Esperanto*, kiu interalie prelegis pri la verkoj de Ĉehov. Kvar katalun-lingvaj libroj estis lanĉitaj. Arno Lagrange prezentis la nunan staton de la Vikipedia projekto. Kantis Ĵak Le Puil, Kaj Tiel Plu kaj la duo Ĵomart kaj Nataŝa. Teatro-Trupo de Tuluzo prezentis komedion "Familia etoso" de Agnès Jaoui kaj Jean-Pierre Bacri en traduko de Rikardo Cash.

*SMG*

# Hungario

**Hungaraj instruistoj kune refoje**

Lastjare la Pedagogiaj Tagoj de la hungara sekcio de ILEI duobligis sian daŭron ĝis du-taga evento. Ĉi-jare duobliĝis ankaŭ la ofteco. Aldone al la tradicia februara aranĝo, realiĝis septembra, kiu altiris 55 partoprenintojn al la ĉefurbo. Ĉeftemo estis la lingvo-ekzamenoj, kiuj pli kaj pli fariĝas la motoro de la Esperanta eduka agado en la lando. Salutis komence estro de la hungara ŝtata lingvo-ekzamena instanco, en kies kadro ekzamenado de Esperanto okazas.

La partoprenintoj venis informiĝi detale kaj praktike pri la postuloj kaj organizado. Okazis ne nur prelegoj, sed grup-taskoj kaj viglaj diskutoj. Ekzemple, oni spektis kaj ĉiu mem-ekzerce poentumis tri vere okazintajn parolajn ekzamenojn spektitajn vidbende. Alimomente oni debatis kiel atesti instru-kapablon kaj protekti instru-kvaliton. La vigleco fontis el tio ke preskaŭ ĉiu veninto rilatas iel al la ekzamenoj, kiel kurs-gvidantoj, tutoroj por ekzamenotoj, aŭtoroj de pretigaj lerniloj (novaj bonkvalitaj aperis/os), direktoro de lingva lernejo, ekzamenantoj ks.



*László Szilvási (maldekstre) kaj Géza Kurucz (meze) dum Ped. Tagoj*

Dum la aranĝo komputila demonstro montris la aktualan staton de la retejo *edukado.net*. Duatage riveliĝis la novaj planoj por *Juna amiko* en 2005, kun abon-arigo. En praktika grup-laboro oni ricevis kopiojn de artikoloj el la revuo kun tasko verki demandojn, ekzercojn kaj decidi kiel uzeblas la materialo en la instruado kaj ekzamen-pretigado.
Pedagogiaj Tagoj – la daŭro kaj la ofto restu ambaŭ je du – ĉar indas. Dankon al la gvidantino de la organiza teamo, *Salomonné Csíszár Pálma* kaj al *Kultura E-Asocio* (kun gvido de *László Szilvási*), kiu finance subtenis la eventon.[2]

*Stefan MacGill*

## Pollando

**Lernas E-on lernantoj, instruistoj, gepatroj**

Malgranda lernejo en bela vilaĝo Czajowice (Ĉajovice) apud nacia parko kun fama groto, je 20 min. de Krakovo, en septembro 2004 iĝis publika lernejo, gvidata de ekologia fondaĵo/asocio kun helpo de la gepatroj. Tuj oni enkondukis tie E-on. En la instruprogramo oni donas specialan atenton al lingvoj – la angla kaj Esperanto – kaj al la praktika ekologia edukado. Tiu lasta etendiĝas ankaŭ al la gepatroj, kiuj – inspirataj unuavice de la prezidantino de la asocio, s-ino Wieslawa Grąglewska – laboras por sia medio. Simile pri Esperanto – post mia prelego kaj provlecioneto, krom instruistoj, eklernis ĝin kelkaj gepatroj. La vilaĝanoj deziras baldaŭ akceptadi vizitojn de esperantistoj el la tuta mondo, proponi ankaŭ pli longajn turistajn restadojn kun ripozo kaj vizitado de la naturlokoj kaj de la apuda, plej bela pola urbo... La ideo de la loka lerneja medio estas, ke en la venontaj jaroj E-on lernu ĉiuj instruistoj kaj se eble, ĉiuj gepatroj. Instruistoj poste diplomiĝu en la E-fako de Poznan.
La Internacian Lingvon tre sukcese instruas en Ĉajovice s-ino Elzbieta Harezlak (membro de ILEI), kiu jam pli frue portempe transloĝiĝis el la urbo Bielsko-Biala al Krakovo por tie sensalajre lernigi la lingvon al infanoj per kantoj, poemoj, origamio k.s. Ŝiaj gelernantoj plensukcese partoprenis dum la du lastaj jaroj la tre interesan vojevodian artan

---

[2] Prelegintoj: D-ro GALLÓ András (vicdirektoro de ITK – Fremdlingva Pliperfektiga Centro), KOVÁCS Márta, SZABÓ Imre, VIZI László, FARKAS-TATÁR Éva, KURUCZ Géza, TÖTÖSNÉ GADOS Zsuzsa, SMIDÉLIUSZ Petra, Stefan MacGILL, Palma CSÍSZÁR SALOMON – (NdlR)

konkurson pri fremdaj lingvoj por lernejanoj „Pli proksimen al la mondo!”, pri kiu IPR jam raportis.
Kiel ĉio komenciĝis? La konkurson malkovris por esperantistoj, krome interesigis pri la lingvo s-inon Wieslawa Grąglewska, agantinon en la lerneja medio de kelkaj apudkrakovaj vilaĝoj (nunan prezidantinon de la menciita fondaĵo), s-ino Zofia Religa-Bieniek, lingvo- kaj E-instruistino en tiu regiono, ILEI-anino. Ekde tiam, la pola sekcio apogas la medion…
La Asocio intencas organizadi diversloke kursojn de E-o kaj de aliaj lingvoj. Tio signifas prelegadon pri la ILo kaj instruadon, realigotajn de (parte junaj) membroj de la pola sekcio. Antaŭnelonge la gvidantoj de la lernejo petis, ke ILEI fariĝu ĝia oficiala patrono.

Ĉ. la 8-an de aprilo en la lernejo okazos letervespero. Tre bonvenas leteroj, bildkartoj, fotoj, korespondproponoj de geknaboj, ‘onkloj’, ‘onklinoj’ esperantistaj. Adreso: *Publiczna Szkola Podstawowa, Czajowice 82, PL 32-089 WIELKA WIES, k/Krakowa (Pollando), rete: sp_czajowice@op.pl*

*Maria Majerczak*



P.S.
La infanoj kaj plenkreskintoj volonte lernas la ILon, sed por ke la instruado estu daŭrigota, necesas konvinki la lokajn aŭtoritatulojn pri la valoro de Esperanto. Skribante, bv. aldoni informon pri via vivokupo/ profesio, viaj titoloj, se vi posedas ilin. Ĉar gravas la nombro de reagoj kaj de landoj, el kiuj ili venas (inkluzive Pollandon), ĉiu letero kaj eĉ eta retmesaĝo estos ege bonvena. Dankon.

## Marcel Leereveld:
## Kiel mi instruas tempojn kaj participojn al aŭstralianoj[3]

Ĉar mi opinias, malsame al kolego Liu Xiaojun (IPR 04/1, p. 24), ke la verba sistemo de Esperanto ne similas, aŭ almenaŭ certe ne samas, al tiu de la nunaj eŭropaj lingvoj, mi instruas ĝin diference ol li. Estas interese, ke li, ĉino, instruas laŭ eŭropaj kriterioj, dum mi, eŭroplingvano, instruas laŭ Esperantaj kriterioj, kiuj pli alproksimiĝas al la ĉinaj. Mi instruas tiel, parte pro miaj propraj konsideroj lingvismaj, kaj parte ĉar jam Zamenhof deklaris, ke ni uzu, kie eblas, simplajn formojn verbajn (Lingvaj Respondoj X 108: „*La formojn kunmetitajn (ekzemple: „mi faradas, mi estas farinta…" kaj ceterajn) oni devas uzi sole tiam, kiam la senco ĝin necese postulas.*").

Laŭ mi en Esperanto ne ekzistas kompleksaj tempoj, kiel s-ro Liu pensas, sed nur tri simplaj tempoj. La kompleksaj tempoj de la eŭropaj lingvoj, pro tre interesa disvolviĝo, formas nun komplikan kaj mankoplenan sistemon tute ne necesan por klare distingi la eblajn temprilatojn inter du agoj (kiel pruvas ankaŭ la ĉina). Mi neniam uzas participojn por tio, ĉar tiuj participoj havas en Esperanto alian funkcion, nome aspektan, ol en (hindo)eŭropaj lingvoj, kie ili vere estas nun (ne antaŭe) verboformoj kun tempoj.

En mia instruado mi do komencas per la simplaj verboj kun siaj tempoj, kaj tuj en tri voĉoj: *Mi lavis/as/os la aŭton. La aŭto lavatis/as/os de mia filo. La aŭto laviĝis/as/os pro la pluvo*. Por mi *–is, -as, -os, -u, -i* kaj *–us* signifas la tutan agon (el komenco ĝis fino, aŭ tiun parton kiu interesas min), en siaj tempo, modo, voĉo, modalo kaj (ne adjektiva, sed verba) aspekto. Post triono de la lecionaro mi instruas kiel esprimi temporilatojn inter du agoj, nome sen aŭ per adverbo. Sen, se du plenaj agoj okazas samtempe: *Mi hieraŭ manĝis dum mi legis la ĵurnalon; Hodiaŭ mi legas la ĵurnalon dum mi manĝas; kaj morgaŭ mi manĝos dum mi legos la ĵurnalon.*

---

[3] Rimarko: Pri la enhavo kaj lingvouzo de la supra alskribo respondecas la aŭtoro mem. La redakcio ne unuanime, tamen fine decidis jese pri la aperigo de la supra reago.

Se unu ago okazas antaŭ aŭ post la alia, mi bezonas simplan adverbon por indiki tion:

*Hieraŭ mi manĝis, kiam mi (jam) antaŭe legis la ĵurnalon.*
*Hieraŭ mi manĝis, dum mi poste legis la ĵurnalon.*
*Nun mi manĝas, dum mi antaŭe legis la ĵurnalon.*
*Nun mi manĝas, dum mi poste legos la ĵurnalon.*
*Morgaŭ mi manĝos, kiam mi antaŭe legos la ĵurnalon.*
*Morgaŭ mi manĝos, kiam mi poste legos la ĵurnalon.*

Simile pri *lavati* kaj *laviĝi*.

Kompreneble eblas, en Esperanto, esprimi la samajn rilatojn en (por eŭropanoj pli kutima) alia maniero: „*Antaŭ ol legi la ĵurnalon mi manĝos*", kaj alie.

Mi do tute ne instruas laŭ la eŭropa (german-latin-greka) gramatiko, sed laŭ pure Esperanta vidpunkto.

Kaj dume mi tute ne instruas pri participoj, kaj eĉ se mi klarigas la ĉi-suprajn esprimojn en nacia lingvo, mi donas la nacian tradukon per participoj nur post kiam la lernantoj komplete familiariĝis pri la simpla verbsistemo Esperanta.

Nur longe post tio mi komencas instrui la participojn, ne kombinitajn kun (pleje kopulaj) verboj, sed kiel puraj adjektivoj ĉe substantivoj, kaj kun aspektoj anstataŭ tempoj en sia signifo. Malbaldaŭe mi uzas la participajn adjektivojn ankaŭ kun diversaj kopuloj (ne nur „esti"!) por komprenigi, ke ne temas pri kompleksaj tempoj kiel en eŭropaj lingvoj, substrekante, ke la participaj finaĵoj, havantaj siajn proprajn signifojn, indikas ne tempojn sed aspektojn. Dume mi daŭrigas kutimigi la lernantojn al Esperanteca simpleco (nur –is, -as, -os, -u, -us) kiam ili alfrontas la (nun) mallogikajn kompleksajn tempojn eŭropajn. Tio bone efikas nur per multa ekzercado.

La gravaj punktoj do estas la vicordo de la temoj:

1-a: Simplaj verboj en tri voĉoj: -i, -ati, -iĝi (la faktitivo ne estas voĉo, sed (verba) aspekto; malgraŭ P.A.G.).

2-a: Esperanteca kombinado de tempoj per adverboj (jam; antaŭe; poste).

3-a: Montrado ante la participojn kiel adjektivojn kun signifero de (adjektiva) aspekto anstataŭ pura tempo.

4-a: Inkluzivigo ante la participajn adverbojn kaj substantivojn.

*Marcel Leereveld*
*12 Heather Grove, Belgrave South, Viktorio-3160, Aŭstralio*

# ILEI 55-jara

Esplorante la historion de ILEI kaj ĝenerale pri la organizado de instruistoj en la E-medio, estas rimarkinde, ke ĉio tio daŭre envolvas la vivon de la revuo 'Internacia Pedagogia Revuo' (IPR). Ĝi ĉiam ĉeestas tra la diversaj etapoj kaj estas atestanto de la diversaj periodoj de la Esperantista-instruista movado. Tial, do, nia porinstruista historio estas forte plektita al IPR. Ĝi estas ne nur fonto de informo, sed elemento esenca en la vivo de la Ligo por speguli la laboron de la gvidorgano de ILEI.

La unua provo organizi en la E-medio la interesitojn pri instruado estis en 1910, kiam kunligiĝis 347 personoj en la tiel nomata Internacia Asocio de Instruistoj (IAI). Ĝi oficiale transprenis la eldonadon de la faka revuo 'Internacia Pedagogia Revuo', fondita en novembro 1908 de la ĉeĥoslovako Teodor ĈEJKA. Kasisto de la organizo kaj redaktoro de la revuo estis ĈEJKA mem. La redaktoro daŭre plendis pro malkontentiga kunlaboro, pri indiferenteco de la kolegoj, tamen la revuo fine de la 20-aj jaroj elstaris pro la valoraj sciencaj artikoloj pri pedagogio.

Post la Unua Mondmilito pluraj membroj eksiĝis de IAI kaj 200 el ili decidis fondi dum la Universala Kongreso en Vieno (1924) la Tutmondan Asocion de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE) kun la celo kolekti ĉiujn E-instruistojn por propagandi efike la enkondukon de E-o en lernejoj kaj inter la instruistaro kaj eldoni fakan revuon. Ilia revuo ricevis la nomon 'Novaj Tempoj' kaj nur ekde 1926 la oficiala organo de TAGE ricevis la nomon 'IPR'. La 155 abonantoj, kiujn la revuo havis en la jaro 1922, kreskis ĝis 883 en 1930 kaj sekve de la ekonomia kaj politika krizo de tiu periodo, en 1932 restis 'nur' 600. En 1931 TAGE havis perantojn en 26 landoj, ĉefe en Eŭropo. Malgraŭ tiu fakto, ĝi daŭre ne sukcesis konvinki multajn instruistojn pri la taŭgeco esti organizitaj sub la formo de asocioj aŭ sekcioj.



*Atilio Orellana Rojas prelegas pri la 55-jara ILEI*

Ĝis 1933 la plej forta sekcio estis la germana, kun proksimume 500 membroj. TAGE aktive kunlaboris kun diversaj internaciaj edukaj instancoj, kiel la Internacia Eduka Oficejo en Ĝenevo. En 1931 kaj danke al la laboro de ĝia sekretario, Martin GOLDBERG, la sindikato nomata 'Internacia Sekretariejo de Instruistoj' el Strasburgo decidis prizorgi la diskonigon de E-o kaj dum sia kongreso en Hamburgo pluraj membroj firme pledis publike por E-o.
Komence de 1933 kaj pro la malfacilaj cirkonstancoj regantaj en Germanio, la germanaj funkciuloj de TAGE eksiĝis kaj en Nederlando oni starigis novan laborkomitaton. Ĝi tamen baldaŭ poste ĉesis funkcii.
Estis 1949, kiam naskiĝis la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI) kun la celo kunligi instruistojn kaj edukistojn, kiuj scias E-on tra la mondo por progresigi la instruadon de E-o en lernejoj, pritrakti pedagogiajn temojn, favore influi edukajn instancojn kaj eduki instruistojn kaj lernantojn en la sento pri internacia solidareco kaj reciproka estimo, interfratiĝo kaj interhelpado.
Tiam la ĉefaj agantoj estis Jeanne DIDIEU el Francio kaj Violet NIXON el Britio. Dum tiu periodo ILEI okazigis, ekzemple, la 1-an Internaciajn Pedagogiajn Seminariojn en Kochel am See (DE) en 1951 kun la ĉeesto de 21 instruistoj el 4 landoj por trakti 'Esperanto ĉe la instruistoj kaj ĉe la lernejoj'.
En 1968 transprenis la gvidadon nova Estraro, kiu konsistis el Raif MARKARIAN (Prezidanto), Helmut SONNABEND (Vicprezidanto), Mario DAZZINI (Sekretario).
Ekde tiu momento ILEI esploris la eblajn vojojn por pruvi la taŭgecon de E-o kiel lingvo por internaciaj rilatoj inter la lernantoj. Dum pasko de tiu jaro estis okazigita kunveno de E-pedagogoj en Maribor (Slovenio) por enketi pri la instrua evoluo de E-o en Aŭstrio, Bulgario, Hungario, Italio kaj Jugoslavio. Ĝi pasis al la historio kiel 'Kunordiga Pedagogia Konferenco por Enkonduko de E-o en lernejon'. Tiaspecaj konferencoj okazis 5-foje inter 1968 kaj 1973.
En julio 1969, en Helsinki, la ILEI-Komitato aprobis la eldonadon de faka revuo kaj decidis konservi ĝian jam tradician nomon: IPR. Ludwig PICKEL el Nürenberg transprenis la taskon presi kaj dissendi la revuon dum ĝia redaktoro estis Helmut SONNABEND. En 1970 aperis varbnumero kaj sekvis 5 pliaj, kiuj neregule aperis malgraŭ la komitata decido pri eldonado 3-fojojn jare. Pro la neeblo plenumi la taskon, dum pasko 1973 estis nuligita la kontrakto kun PICKEL.

Dum kelkaj jaroj ĉe UEA ekzistis la tiel nomata Konsulta Komisio pri Lernejoj (KKL). Dum sia kunsido en Vieno en 1970, la UEA-Estraro konstatante la organizan refortiĝon de ILEI post la enoficiĝo de nova Estraro, aprobis la nuligon de KKL kaj ke la eduka flanko de la E-disvastigado estu transdonota al ILEI. Plia antaŭenpaŝo en la bonaj rilatoj inter UEA kaj ILEI evidentiĝis en la kriza momento jam menciita rilate al IPR: la Centra Oficejo pretis prizorgi la presadon kaj ekspedadon de la revuo. Jam en novaj vestoj IPR aperis varbnumere en novembro de 1973 sub la redaktado de Reinhard HAUPENTHAL.
En sia unua numero HAUPENTHAL deklaris: 'Miakomprene IPR havas principe duoblan taskon: unuflanke esti ĝenerale pedagogia revuo, kies internacieco (aŭtora kaj legantara) garantiu ĝian pedagogian progresivon; aliflanke ĝi estu faka organo por la didaktiko kaj metodiko de la Esperanto-instruado. Estas malfacile difini proporciojn, sed mi opinias, ke la unua tasko ĝenerale dominu.....Plia tasko de IPR estus funkcii kiel refera organo pri gravaj pedagogiaj eventoj ... inkluzive librajn. Tio inkludas la raportadon pri la eventoj sur la tereno de la Esperanto-instruado kaj la aperon de novaj libroj vastsence pedagogiaj'.
Sekve de la Konferencoj en Maribor, la ILEI-Estraro instigis la okazigon de trijara lerneja eksperimento (inter 1971 kaj 1974). Partoprenis tridek klasoj el 4 landoj sub la gvidado de profesoro István SZERDAHELYI. En 1974 transprenis la taskon Helmut SONNABEND por gvidi la duan eksperimenton. Pri tio ĉi aperis amplekse dokumentita libroforma raporto titolita 'Esperanto: Lerneja Eksperimento'(eldonita de Edistudio en Pisa, Italio).
De post la Konferencoj en Maribor ILEI okazigis en ĉiu jaro konferencojn ĝis nun (kun la sola interrompo de la jaro 2002, kiam ILEI entute ne konferencis por unua fojo en 30 jaroj) kaj danke al la laboro de la Estraro en la malfermo de tiuj aranĝoj ofte ĉeestis eminentaj gastoj.
En la 80-aj jaroj la ILEI-gvidantoj sin demandis, ĉu konvenas ĉiam sekvi UEA kaj konferenci en la sama lando de UK kaj konkludis, ke plej konvenas al ILEI iri al landoj, kies oficiala lingvo ne estas instruata kiel fremda lingvo. Tial konferenco okazis, ekzemple, en Cottonera (Malto) en 1980.
Dum la Konferenco en 1977 en Luksemburgio estis starigitaj 10 laborkomisionoj, kiuj prizorgis diversajn kampojn de la agado de ILEI: ĝisdatigo de instrumetodoj kaj lernolibroj, reglamento kaj organizado de ILEI-Konferencoj kaj seminarioj, priskribo de sciencaj rezultoj de la

eksperimentoj, partopreno en projektoj de UNESKO-lernejoj, preparo de simpozio pri lingvistiko kaj interlingvistiko (kiu efektive okazis en 1980 en Budapesto), ILEI-biblioteko, interŝanĝo de klasvizitoj kaj korespondado, simpozio en Parizo (kiu okazis en 1979 kun la ĉeesto de 38 partoprenantoj), monda ekspozicio de infandesegnaĵoj, ILEI en Afriko. Kelkaj tiuj komisionoj estis nuligitaj post la plenumo de la planitaj taskoj.
En 1975 ILEI prezentis al UNESKO la peton esti akceptita kiel Ne-Registara Organizo (NRO) kaj ekde junio 1977 ILEI apartenis al NRO-j de UNESKO en kategorio C.
Laŭdire, en la jaro 1985 ILEI estis jure registrita en la Respubliko San Marino. Pluraj esploroj en la jaroj 1995/1996 pri ĉi tiu temo montris, ke efektive ILEI neniam estis registrita en tiu lando kaj post analizado de diversaj eblecoj, la ILEI-Estraro decidis jure registri la organizon en Nederlando en 1997.
Personaj problemoj inter la tiamaj gvidantoj de ILEI kaj UEA kaŭzis, ke inter la jaroj 1983-1984 estis malproksimaj rilatoj inter ambaŭ organizoj. Dum la UK en Augsburg (Germanio) ambaŭ estraroj kunsidis kaj sekvis repaciĝo: la interkonsento pri kunlaboro de 1976 pri interkonsiliĝo en ĉiuj esencaj demandoj koncerne la instruadon de Esperanto, komuna klopodo por atingi internacian ŝtatan konvencion por la instruado de Esperanto en lernejoj, interkontaktoj kun UNESKO kaj la organizado de la Internaciaj Infanaj Kongresetoj, estis konfirmita kaj estis aldonita klaŭzo pri la internaciaj ekzamenoj: UEA aprobos la diversajn gradojn de lingva kapablo kaj ILEI atestos la instrukapablon de la diplomoto.
La elekto de nova ILEI-Prezidanto en 1985 dum la Konferenco en Kungälv (Svedio) helpis en la sanigo de tiuj rilatoj. De tiam kaj ĝis aŭgusto 1988 profesoro István SZERDAHELYI gvidis ILEI kaj ĝin sekvis Edward SYMOENS ĝis la jaro 1992. La Universala Kongreso en Havano (1990) estas grava momento por la refirmigo de la rilatoj inter ambaŭ organizoj: tiam estis subskribita interkonsento inter ILEI kaj UEA, en kiu oni deklaras, ke 'UEA komisias al ILEI la plenumon de sia eduka laboro, tio estas ĉiaj agadoj por altigi la lingvan kaj kulturan nivelon de la E-parolantoj (i.a. ekzamenoj), por disvastigi la instruadon de la internacia lingvo ĉiunivele kaj por rilati kun edukaj instancoj tiucele'.
Intertempe la redaktoreco de IPR pasis de la manoj de HAUPENTHAL al la franco Gaston TURIN (ĝis la numero 3 de 1978), Helmut SONNABEND (1978-1985), al redakta Komitato sub la gvido de la E-fako de Universitato ELTE (1985-1989), István ERTL (1989-1991), Márta KOVÁCS (1992-

1994) kaj József NÉMETH (1994 ĝis nun). IPR ŝanĝis en 1998 la aspekton de sia kovrilo kaj ekde 2001 ĝis travivis denovan ŝanĝon kaj pasis al pli bonkvalita papero. IPR plu aperigas kvalitajn fakajn artikolojn kaj informas pri la vivo de la ILEI-Sekcioj tra la mondo.

Kun la eniro de Stefan MacGILL en la Estraro en 1988 la eldona agado de la Ligo plifortiĝis kaj ekde tiam ILEI prizorgas regule la eldonadon de lernolibroj, kiel 'Tendaraj Tagoj' I, II kaj III, 'Kunvojaĝu', 'Okulo' aŭ pedagogian fakliteraturon, kiel 'Teorio kaj praktiko de lingvoinstruado'. En la eldona kampo, ILEI ankaŭ fariĝis kuneldonanto de instrumaterialo, kiel la ekzercokajeroj al la filmo 'Esperanto, pasporto al la tuta mondo', 'Instruado sen turmentado', ktp. ILEI estas eldonanto de la porinfana revuo 'Juna Amiko' ekde la jaro 1986.

Bratislava gastigis en 1992 la plej grandan ILEI-Konferencon en la lastaj pli ol 25 jaroj. La tiama Estrarano Zsuzsa BARCSAY tiam lanĉis la projekton nomata 'ILEI-Gimnazio'. Temis pri aparta programo kadre de la Konferenco por gejunuloj, por altiri ilin esti en la ILEI-medio. La Gimnazio okazis 4-foje: Bratislava (1992), La Paterna (1993), Övik (1995) kaj Tábor (1996). Ĉi tiu projekto meritas reprenon, eble kadre de la nuna agado de ILEI kun la projekto 'Interkulturo'.

La prezidantan periodon de Stefan MacGILL (1992-1993) sekvis Duncan CHARTERS (1993-1998), Mauro La TORRE (1998-2003) kaj Radojica PETROVIC (2003-). Ĉi tiuj jaroj estas sendube markitaj de diversaj eventoj interesaj en la vivo de la Ligo, el kiuj menciendas: la okazigo de ampleksa metodika kurso ĉe la Kultura E-Centro en La Chaux-de-Fonds en 1993, la firmigo de la ekzamena sistemo de ILEI/UEA en la niveloj elementa kaj meza kaj la pritrakto de la bezono starigi kaj funkciigi la superan nivelon, la aliĝo de ILEI al la Federacio Internacia de Profesoroj de Lingvoj Vivantaj, la restigo de ILEI kiel NRO ĉe UNESKO kaj la naskiĝo de la projekto 'Interkulturo'. La demando pri starigo de Centra Oficejo de ILEI, daŭre aperas en la diskutoj kaj proponoj, sed ĝis nun ne trovis kontentigan solvon.

Dum ĉi tiuj 55 vivojaroj ILEI travivis periodojn pinte sukcesajn, aliajn krizajn kaj malpli memorindajn. Ĉiam restas tamen en la organizo la sama deziro: kunlaborigi la instruistaron tra la mondo.

*Atilio ORELLANA ROJAS*
*Okaze de la ILEI-Konferenco en Bratislava (SK)*

# Emblemtememe

Malfermu la Jarlibron de UEA ĉe la rubriko Fakaj Asocioj, kaj vi povos admiri la emblemojn de multaj el ili. Tiu de nia ligo elstaras pro sia moderna stilo, simpleco kaj tuja mesaĝo. La liga akronimo aperas per klaraj belstilaj literoj, el kiuj ĉiu kontribuas la bilda metaforo por la instru-procezo. Neniu alia simbolo tiom trafe kombinas la nomon kun la celo. Ĝi bele disvastiĝis: en Brazilo ĝi aperas sur T-ĉemizoj, en la reto ĝi gajnis tri-dimensian aspektigon.




Konfesende, nia emblemo prezentas tradician bildon de la instru-procezo: instruisto aktiva ĉe legpupitro dum lernanto notas saĝaĵojn. Sed emblemo havas celon prezenti nin al ekstero, kiu tiu bildigo de instruado tuj kompreneblas. Kiom ajn oni prave sentencas, ke 'edukado estas du-direkta procezo', la kerno restas, ke 'iu scias ion, kion iu alia volas lerni'. Memoru: kiu instruistas hodiaŭ, ofte lernantas morgaŭ. Nia simbolo ne neas, ke instruistoj riĉiĝas kaj lernas aferojn de siaj lernantoj, eĉ se temas pri plenkreskaj instruistoj kaj infanaj lernantoj. Ni konscias, ke edukado ne ĉiam konsistas el rekta unu-direkta instruado, ofte temas pri lernigo - tio estas - kreo da etoso, starigo de kondiĉoj, disponigo de bezonaĵoj, por ke lernado okazu. En lingvo lernado, la nocio de 'malkovro-lernado' tamen konas limojn. Tio ne malvalidigas la rolon de lernigo, almenaŭ se la lernantoj aspiras majstri lingvon kaj ne nur informiĝi pri ĝi. Transdoni la materialon kaj konojn formas nur etan parton de la tasko. La ekzercado kaj kapabligo konsistigas la plimulton, kaj tie la lerniga aliro havas fortan valoron.

La emblemo bildigas tradician mekanismon transigi sciojn: instruisto prelegas dum studento notas. Evidente, la livera mekanismo povas esti varia: perkomputila, sonbenda, distanca, interaga, perdrama, gruplabora, diskuta... Tio dependas de la naturo de la instruisto kaj la instruaĵo.

Eble la plej grava – kaj plej pretervidebla – mesaĝo de la emblemo esprimiĝas en la vizaĝoj. Nome, la lernado povas kaj devas esti ĝuo. Por la instruistoj, por la lernantoj. Tio precipe validas por Esperanto, kie la ekstera motivigo ne estas forta. Gravas komuniki al lernantoj kiun utilon aŭ gajnon

ili havos el la lernado (ĉar tio tre malsamas al aliaj lingvoj), sed nia instrua tasko tiom pli facilas kaj kondukas al sukceso, se la lernado en si mem estas ĝuinda. Kompare kun aliaj lingvoj, kiuj starigas terurajn malfacile ĝueblajn obstaklojn, ne estas tro granda defio prezenti nian lingvon en ĝuebla formo.

Do, la simpligo de la instru-procezo por nia simbolo estas pravigebla - klareco kaj kompreneblo estas esencaj kvalitoj por emblemo. Ni instruistoj povas plue cerbumi pri nuancoj malantaŭ ĝia mesaĝo. Nia provo estis nur enkonduka: la motiviga moment'. Daŭru inter vi la ideo-flu'. Multo por mediti, el unu simpla emblemo!

*Stefan MacGill*



*La Internaciaj Ekzamenoj de ILEI/UEA ankoraŭ estas popularaj. Ankaŭ ĉi-somere okazis pluraj sesioj dum la plej grandaj E-aranĝoj.*
*La surfote videblaj feliĉaj trapasintoj de la ekzamenoj pruvis siajn kapablojn pri la lingvouzo kaj kono de la E-kulturo dum UK. Gratulon al ili!*
*Por tiuj, kiuj nun planas (re)ekzameniĝi la Ekzamena Komisiono konsilas trastudi la postulojn de la ekzamenoj kaj provi solvi la specimenojn, kiuj konsulteblas en la koncerna sekcio de la paĝaro www.edukado.net.*